# INTERNACIA FERVOJISTO




41a jaro n-ro 6 1989



Abfahrt des ersten Eisenbahnzuges von Leipzig nach Althen.

Ekveturo de la unua fervoja trajno de Leipzig al Althen
la 7an de aprilo 1839 - do antaŭ 150 jaroj.

## REDAKTORA BABILO

Ne daŭras longe, ĝis la jaro 1989 estos historio. Kune kun kolegoj ni en IFEF kaj en la landaj asocioj kaj lokaj grupoj spertis plej diversajn travivaĵojn, ĝenerale pozitivajn esperigajn kaj evoluigajn. La jaro alportis al ni gravan rezulton de multjara laboro: la Terminaron. Kutimo en pluraj landoj estas donacion unu al alia okaze de la solstica kaj jarŝanĝa festoj. Ĉijare tute evidenta donacaĵo estas la Terminaro. Ĝi estas nemalhavebla al ĉiu, kiu deziras okupi sin pri faka literaturo.

En la nuna numero de IF vi trovas protokolon de Salou kaj resumon de raportoj de landaj asocioj de IFEF. Ne preterlasu la legadon, ĉar ili enhavas multajn interesajn informojn, kiuj estas utilaj en la laboro - ĉu kiel informilo, ĉu kiel instigilo.
Red.



Aktivu! - Ni bezonas la Nacilingvan Fervojan Vortaron!

## TERMINARA LABORO DE IFEF

Ankaŭ ĉi-numere ne aperas veraj TK-informoj pro IF-redaktora nefaro.

Sed la redakcion atingis TK-kuriero n-ro 71, el kiu ni ĉerpas gravajn informojn.

Post iom da paŭzo, sendube necesa por krea ripozo, profunda ordigo kaj akiro de superrigardo, la laboro nun koncentriĝas pri la Esperanto-Nacilingvaj Vortaroj (NV). Pluraj landoj progresas tiel, ke ni certe travivos en Hamar surprizon.

La Terminara Komisiono de IFEF nun konsistas el 40 kunlaborantoj el 17 landoj.

Postaj taskoj estos ellaboro de "Aktuala Fervoja Vortaro" (AV) kaj "Difinvortaro" (DV). Restas do sufiĉe da laboro. ■

INTERNACIA FERVOJISTO

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

**Sekretario:** D-ro Romano Bolognesi, Via Misa 4, I-40128 Bologna.
**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.




Konstanta adreso: 42a IFEF-kongreso
Karudveien 1
N-2340 Løten
Norvegio

Poŝtĉeka konto: 2 67 31 19
42a IFEF-kongreso
Syrinveien 12
N-1700 SARPSBORG
Norvegio

**PROVIZORA PROGRAMO**

Ĉio okazos en la Kongresa domo, se alia loko ne estas indikita

Sab. 02.06

| | |
|---|---|
| 1000-2200 | Akceptejo estas malfermita. Registrado okazas |
| 1300 | Kunveno LKK - IFEF estraro |
| 2000 | Interkona vespero |

Dim. 03.06

| | |
|---|---|
| 0800-0900 | Ekumena diservo en la Katedralo de Hamar |
| 0930-1200 | Solena inaŭguro de la 42a IFEF-Kongreso |
| 1200 | Uniformprezentado de unu el ĉiu lando. Fotografado |
| 1230-1430 | Lunĉpaŭzo |
| | Oficiala akceptado ĉe la urbestro, de la estraro kaj komitato |
| 1430-1800 | Enurba ekskurso. Ekmarŝo de la kongresejo. Solena inaŭguro de la "ESPERANTOSTRATO" (ESPERANTOGATA). De tie per aŭtobusoj traurbe. Vizito en la Fervojmuzeo, veturado per la etŝpura muzea fervojo. Fine: Vizito en Hedmark-altaĵo (Hedmarktoppen), kie estas bela elrigardo al Hamar. Restoracio. Retroveturo. |
| 1800 | Vespero libera |

Lun. 04.06

| | |
|---|---|
| 0900 | Kunveno de IFEF-estraro-komitato. (Ne publika) |
| 1200 | Laborkunveno de la fakprelega komisiono |
| 1330 | Lunĉpaŭzo |
| 1500 | Unua laborkunveno de la terminara komisiono |
| 2000 | Vespera koncerto en la Katedralo de Hamar |

Mar. 05.06

| | |
|---|---|
| 0900 | Unua plenkunsido |
| 1330 | Lunĉpaŭzo |
| 1430 | Fakprelego - Aktualaĵoj el diversaj landoj. Ejo: **La Teatro** |
| 1700 | Dua laborkunveno de la terminara komisiono |
| 1830 | Bankedo |
| 2000-2400 | Kongresa balo |

Mer. 06.06

| | |
|---|---|
| 0830 | Tuttaga ekskurso. Ekveturo el la stacio de Hamar per Esp-trajno |
| 1200 | Alveno al urbo Røros |
| 1230-1330 | Lunĉo en "Bergstadens Turisthotell" |
| 1400-1500 | Vizito en preĝejo de Røros. Informado pri la urbo. Orgenkoncerteto |
| 1500-1700 | Libervola promenado en la urbo |
| 1710-2040 | Reveturo Røros - Hamar |

Jaŭ. 07.06

| | |
|---|---|
| 0900 | Dua plenkunsido |
| 1330 | Lunĉpaŭzo |
| 1500 | Redaktora kunveno |
| 1600-1800 | Kunveno pri movadaj aferoj |
| 2000 | Kultura Programo |

Ven. 08.06

| | |
|---|---|
| 0900 | Tuttaga ekskurso al Lillehammer. Ekveturo de la esperantotrajno |
| 0945 | Persona bagaĝo estas senkoste konservita en la stacio de Lillehammer |
| 1030 | Vizito en la popola folklora muzeo "Maihaugen" |
| 1330 | Lunĉo. Kongresfino |
| 1715-2000 | Ekveturo el Lillehammer al Oslo S |

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

**LA KULTURAJ PROGRAMOJ**

**La ekumena diservo**
Dimanĉe la 3an de junio (la pentokosta dimanĉo) inter h.08.00 kaj 09.00 okazos diservo en Esperanto en la katedralo de Hamar. Ĝi okazos laŭ la rito de la Norvega Eklezio, kiu estas Luter-evangelia kaj kies konfesio estas la oficiala de Norvegio.

Car partoprenas dum la diservo reprezentanto por la Pentekostanoj, plue la romkatolika pastro en Hamar kaj fine ortodoksa pastro, kiuj ĉiuj tri laŭtlegas la bibliajn tekstojn, la diservo estos vere ekumena. Partoprenos ankaŭ la katedrala orgenisto.

La katedralo de Hamar situas meze en la urbo, ĝi estas bele ornamita kun esprimplenaj pentraĵoj, kaj vizito al ĝi estas rekomendinda.

**La preĝeja koncerto**
Lunde la 4an de junio je h.20.00 okazos en la katedralo de Hamar preĝeja koncerto.

Gin faros la virĥoro **Løiten Sangforening**, de la komunumo Løten ne malproksime de Hamar. Partoprenos ankaŭ la katedrala orgenisto: Ragnar Røgeberg, kaj ili prezentos verkaĵojn kun tekstoj en Esperanto de: Charles Purday, - Wolfgang Amadeus Mozart, - Stephen Adams, - Johann Sebastian Bach, - Ludvig Lindeman,- Franz Schubert, - Ludwig van Beethoven, - Richard Wagner kaj eble aliaj.

**Kultura vespero**
Jaŭde la 7an de junio je h.20.00 okazos kultura vespero. En la kadro de ĝi oni deziras ekspozicii al la kongresanaro la specifan kulturon de Norvegio.

Partoprenos la orĥestro **Hedemarksmusikken** kaj la popoldanctaĉmento Sølja, kiuj kune prezentos la tipajn popoldancojn el la regiono, en kiu Hamar estas la centro.

La akordiona orĥestro **Elverum Trekkspillklubb** cetere prezentos norvegan muzikon, tion ankaŭ faros la virĥoro **Løiten Sangforening**, kiuj distros nin per gajaj tonoj.

**POŜTO - FILATELIA SERVO**

Dum tri tagoj funkciis... 

Pluraj informoj venos.

**RESUMA JARRAPORTO DE LA LANDAJ ASOCIOJ PRI LA JARO 1988.**

Ĝis la limdato dekses landaj asocioj sendis sian jarraporton. Post la limdato alvenis kvar jarraportoj je skriba alvoko. Inter ili la raporto de ĉinoj alvenis la 8an de majo, post kiam la resumo estis preta, pro tio tiu ĉi resumo ne komplete enhavas la rezultojn de ĉinoj. Malgraŭ la skriba atentiga alvoko Pollando ne sendis jarraporton.

La ricevitaj raportoj ampleksas inter unu kaj dek paĝoj. La raportoj el Belgio, Danio, FR Germanio, Hungario kaj Jugoslavio estis ekzemplodone ampleksaj, ili donis detalajn raportojn, abundan materialon. Ne estis kontentigaj la raportoj el Britio, Finnlando, Japanio kaj Svedio.

0. **La landaj asocioj.**
Laŭ la raportoj ĉiu landa asocio havas estraron, la nombro de la estraranoj varias inter tri kaj dek. La membraro nombras 5103 anojn, el kiuj 2103 estas IFEF-membroj. El la IFEF-membroj kvindek procentoj estas emerituloj, du procentoj pli ol en la antaŭa jaro. La membronombro de la emerituloj varias inter dek procentoj (FR Germanio) kaj 87 procentoj (Nederlando). Pri iom da kresko de membronombro raportis Belgio, Ĉeĥoslovakio, Francio, Germana Demokrata Respubliko, Italio, Hungario kaj Jugoslavio. Malkreskis la membronombro en FR Germanio kaj Svedio, stagnas en Aŭstrio, Finnlando, Norvegio kaj Svislando.

Laŭ la raportoj kluboj aŭ lokaj grupoj troviĝas en 113 lokoj kaj IFEF-membroj loĝas en 250 diversaj lokoj. Tiuj indikoj montras signife malpli kompare kun la antaŭjara raporto, sed mi devas aldoni, ke 11 asocioj raportis nenion pri tio.

1. **Landaj organoj.**
16 landaj asocioj havas propran fervojistan organon, inter ili Danio, Ĉinio, Francio kaj Neder lando monate, Belgio, Britio, Hispanio, Jugoslavio kaj Svedio sesfoje, FR Germanio, Germana Demokrata Respubliko, Hungario, Svislando kvaronjare, fine Japanio unufoje aperigas jare. La totala amplekso de tiuj organoj estis 1309 paĝoj, entute 149 paĝoj pli ol en 1987. El ili ses estis pure esperantlingvaj, kaj la ceteraj estis dulingvaj (naci- kaj Esperanto-lingvaj).

Malgraŭ la eldono de siaj propraj organoj Belgio, FR Germanio, Italio, Hispanio kaj Jugoslavio paralele havas spacon en aliaj sialandaj organoj. Bulgario, Ĉeĥoslovakio kaj Norvegio laŭbezone havas specialan rubrikon en Esperanto-organoj.

2. **Rilatoj kun fervojaj kaj aliaj instancoj.**
Britio, Ĉeĥoslovakio kaj Finnlando ne havas rilaton kun fervojaj administracioj, sed la ceteraj landaj asocioj raportis pri bonaj rilatoj. Aŭstrio, Belgio, Danio, Francio, FR Germanio, Germana Demokrata Respubliko, Italio, Hungario, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio, Svedio kaj Svislando ricevas financan kaj moralan apogojn, aŭ aliajn helpojn de la fervojo aŭ de la landa FISAIC-sekcio. Dek tri landaj asocioj sendas raportojn aŭ informojn al la fervojaj instancoj.

La klarigoj de la oficialaj horarlibroj troviĝas ankaŭ en Esperanto en Ĉeĥoslovakio, Danio, Italio, Hungario, Jugoslavio kaj Norvegio.

Dek tri landaj asocioj havas bonajn/bonegajn kontaktojn kun la

landa FISAIC-organizaĵo, eĉ ankaŭ apogon ili ricevas. Ĉiuj landaj asocioj sendas raportojn aŭ informojn al la FISAIC-organizaĵo. Niaj landaj asocioj en Belgio, Danio, Finnlando, Francio kaj Italio havas membrojn kun funkcioj en la FISAIC-sekcioj.

La landaj asocioj en Aŭstrio, FR Germanio, Germana Demokrata Respubliko, Francio, Hungario, Jugoslavio, Norvegio kaj Svislando havas tre bonajn rilatojn al la sindikatoj, sed Bulgario havas neregulan, Aŭstrio, Francio, FR Germanio, Hungario, Jugoslavio, Norvegio kaj Svislando raportas pri financa subteno de la sindikatoj. Ok landaj asocioj sendas raportojn aŭ informojn al ili.

Ĉiuj landaj asocioj kunlaboras kun la libertempaj, sportaj, kulturaj organizaĵoj por fervojistoj, escepte en Britio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, GDR kaj Svedio.

La landaj asocioj en Ĉeĥoslovakio, GDR, Italio, Hispanio, Hungario kaj Jugoslavio kunlaboras kun ne-esperantistaj kaj ne-fervojistaj organizaĵoj (junularaj, virinaj, filatelistaj, porpacaj organizaĵoj).

3. **Kunlaboro - rilatoj kun aliaj esperantistaj organizaĵoj.**
Escepte de Britio, Francio, Japanio kaj Nederlando ĉiuj landaj asocioj kunlaboras kun la UEA-asocioj en la koncernaj landoj. Danio, Hispanio, Nederlando, Norvegio kaj Svedio raportis pri la kunlaboro kun SAT-organizaĵoj.

Krome pluraj landaj asocioj havas bonajn kontaktojn respektive kunlaboron kun diversaj ceteraj Esperanto-organizaĵoj, ekzemple kun Mondpaca Esperantista Movado (MEM), Internacia Poŝtista kaj Telekomunikada Esperanto-Asocio (IPTEA), Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA), Internacia Esperanto Muzeo en Vieno (IEMW), Germana Esperanto Instituto, Esperanto Centro en Paderborn ktp.

4. **Informado kaj varbado.**
Krom Finnlando, Japanio kaj Svedio ĉiu landa asocio instigis aperigi artikolojn en gazetoj. Tiuj ĉi artikoloj aperis en fervojfakaj kaj sindikataj gazetoj kaj enlandaj ĵurnaloj.

14 landoj raportis pri la distribuo de priesperantista informmaterialo, pli ol 12 diversspecajn informilojn aŭ broŝurojn, pli ol 1500 afiŝojn, inter ili plej multe en Francio, FR Germanio kaj Italio. Tiujn oni disdonis al deĵorejoj, sindikatoj, institutoj, ripozejoj por fervojistoj, redakcioj de diversaj gazetoj.

En 1988 okazis 61 fakprelegoj en diversaj konferencoj, jarkunvenoj kaj klubkunvenoj. Hungario raportis pri 19 fakprelegoj dise enlande kaj eksterlande.

Inter la 4a kaj la 6a de oktobro la Ĉeĥoslovaka Scienca-Teknika Asocio kunlabore kun la Ĉeĥoslovaka Transporta Ministerio, kun la Fervoja Esplor-Instituto kaj kun la Teknika Instituto de Prago komune aranĝis internacian fervojan teknik-sciencan konferencon en urbo Pardubice, kie ankaŭ Esperanto estis oficiala lingvo apud la ĉeĥa, slovaka, germana kaj rusa lingvoj. En Esperanto prelegis du hungaroj, du jugoslavoj, kaj unu nederlandano. Apartan laŭdon meritas nia kolego d-ro Petr Chrdle, kiu organizis kaj aranĝis la esperantolingvan eblecon.

Kvin landaj asocioj instigis prelegojn/prezentaĵojn pri Esperanto

en radio- kaj televid-elsendoj jene: Aústrio unufoje en radiostacio de Vieno, FR Germanio kvarfoje per diversaj radiostacioj, Hungario sesfoje per radiostacio en Budapest, Jugoslavio unuhoran en Belgrado kaj unuhoran per radiostacio en urbo Doboj, Italio raportis pri kvar elsendoj de televid-stacioj en la urboj Udine, Benevento, Verona kaj Roma.

Ekspozicioj okazis en Aústrio, Ĉeĥoslovakio, Danio, Francio, FR Germanio, Italio, Hungario, Svedio kaj Svislando, entute 28. La raportoj informis pri entute 115.000 vizitantoj.

14 landaj asocioj donis informojn pri Esperanto per diversaj rimedoj al ne-esperantistoj (ekzemple: per radio-amatoroj, informstando de foiro, anoncoj en bultenoj ktp). Norvegio preparis specialan videofilmon propagandcele. --- Cetere en Perpignan ĝi estis prezentita.

5. **Kunvenoj, kunsidoj.**
Krom Japanio ĉiu landa asocio aranĝis estrarkunsidojn, kies nombro varias inter unu kaj 17. Giaj temoj estis ĝenerale administraj, organizaj, financaj kaj movadaj aferoj. Krome okazis proksimume 200 membrokunsidoj en 14 landoj, en kiuj proksimume 4000 membroj partoprenis. Iliaj temoj estis ĝenerale la taksado de la movada vivo, raportoj pri agado, organizaj aferoj, preparoj de laborplanoj.

12 landaj asocioj aranĝis sume 80 lingvokursojn, la nombro de iliaj aúskultantoj rondcifere estis 700. Plej multaj estis en Hungario (203), Italio (50), Francio (49).

Danio kaj Italio ne aranĝis propran jarkunsidon. Danio partoprenis en la komuna jarkongreso de la tri landaj organizaĵoj. Hispanio aranĝis la jarkunsidon en la kadro de la landa kongreso, Nederlando aranĝis ĝin en la kadro de Trilanda Fervojista Esperanto-aranĝo. La nombro de la partoprenintoj de la jarkunsidoj varias inter tri (Japanio) kaj 200 (Jugoslavio). En ok landoj partoprenis invititaj eksterlandaj gastoj.

En la kadro de la jarkunsidoj sep landoj aranĝis ekskursojn, kulturprogramojn kaj fakprelegojn, eĉ okazis ankaú akceptoj kaj ceteraj festaj programeroj.

6. **Kongresa gazetara servo. Fakprelegoj dum la kongresoj.**
11 landaj asocioj utiligis la oficialan materialon de la gazetara servo de la IFEF-kongreso ĉe siaj raportoj, artikoloj kaj prelegoj. Rilate al tiu materialo FR Germanio taksas la gazetaran servon bone uzebla. Hungario rimarkis, ke la kongresa bulteno en 1988 ne enhavis la plej lastajn eventojn de la kongreso, pro kio tiuj, kiuj ne povis resti ĝis la fino, ne ricevis informojn pri tio.

La landaj asocioj en Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Francio, Italio kaj Norvegio aperigis la kongresan rezolucion en diversaj gazetoj, sed nenia reago rezultiĝis laú la jarraportoj.

Aústrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, FR Germanio, GDR, Hungario kaj Jugoslavio aperigis la kongresan fakprelegon aú ĝian resumon, ankaú la Aktualaĵojn. Ĉeĥoslovakio kaj Jugoslavio aperigis la tradukon de la fakprelego en nacilingvaj gazetoj. Svislando raportis, ke la redaktoro de la revuo "Der Eisenbahner" ne akceptis la materialon kun tiu klarigo, ke la redakcio "... tiajn

informojn ĉiam tute freŝe ricevadas de la internacia informservo".

7. **Junularo.**
15 landaj asocioj raportis la nombron de junuloj. Laúnombre IFEF havas 556 junulojn sub la trideka jaro. Laú landoj ĝi varias inter unu (Danio, Svedio, Svislando) kaj 230 (Jugoslavio). Bulgario, Ĉeĥoslovakio, FR Germanio, Hungario kaj Svislando raportis pri varbado de junuloj.

8. **Terminara kaj traduka laboro.**
Dum la lastpasinta kongreso estis disdonita la prov-presaĵo de la traduko de fervoja Terminaro LG IV. La terminaraj kunlaborantoj ekzamenas la prov-presaĵojn por trovi kaj korekti la lastajn erarojn.

Bulgario, Danio, Hungario kaj Jugoslavio raportis pri la traduka laboro de LG IV el Esperanto al sia nacia lingvo. En Nederlando paúzas la terminara laboro, la svisa kolego retiriĝis pro sia grava malsano. Menciinde estas, ke la dana FISAIC-sekcio donas subvencion por tiu traduka laboro.

FR Germanio raportis pri la kolekto de 32 novaperintaj fervojaj terminoj.

La ĉinaj kolegoj kompilis fervojan terminaron en Esperanto, angla kaj ĉina lingvoj. Ĝi enhavas pli ol 8000 terminojn.

Pri la tradukoj kaj aperigoj de fakaj artikoloj raportis Ĉeĥoslovakio, Danio, Italio, Hungario, Nederlando kaj Norvegio.

9. **Movadaj aferoj.**
Bulgario, Ĉeĥoslovakio, FR Germanio, Francio, Italio kaj Hungario raportis pri iom da evoluo. Laúnombre oni mencias 139 novajn membrojn de la landaj asocioj entute. Danio taksas sian movadan pozicion stabila, la ceteraj menciis stagnadon. FR Germanio menciis regreson de sia membro-nombro. Antaú nelonge FR Germanio estigis komisionon por la tasko de informo kaj varbado. Ĉe pluraj landaj asocioj kreskis la proporcio de la emerituloj.

Multaj landaj asocioj plendas pro la manko de junuloj. Tiun situacion oni klarigas per la "ĝenerala malamo de junuloj", plue per la "delogado" flanke de diversaj kluboj, diskotekoj, ludaútomatoj ktp.

Jugoslavio informis pri la fondiĝo de nova societo en urbo Doboj. Svedio raportis pri regreso. Britio, Japanio kaj Nederlando menciis nenion pri tiu ĉi temo.

En Danio lokaj grupoj tre aktive laboras. La dana landa asocio akiris grandan atenton de la dana FISAIC-sekcio. Germana Demokrata Respubliko atingis financan kaj moralan subtenojn de la Ministerio pri Trafiko. Italio sukcesis atingi permeson por enkonduki Esperanto-instruadon en lernejojn.

La Norvegaj Ŝtataj Fervojoj, Fervojista Sindikato kaj aliaj instancoj finance kaj morale helpas la landan asocion.

10. **Diversaĵoj.**
En Ĉinio la movado estas disvolviĝanta paŝo post paŝo. Ĉinio raportis pri 27 provinc-gradaj Esperanto-Asocioj, kaj ili menciis la aperon de kelkaj normalaj Esperanto-gazetoj en diversaj lokoj.

Danoj estis la organizantoj de la 30a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno, kiu okazis en Aústrio.

FR Germanio proponas en ĉiu loka telefonlibro aperigi kontakt-adreson sub la vorto "Esperanto-informo".

Italio en 1988 okazigis multajn pri- kaj por-esperantajn manifestaciojn en urboj Bologna, Rimini, Verona kaj en ceteraj urboj. Multaj membroj de la Itala Fervojista Esperanto-Asocio vigle agadis aŭ kunlaboris.

Hispanio laboris precipe en la signo de la preparlaboro por aranĝi la 41an Internacian Fervojistan Kongreson. La landa asocio havas provizore novan sidejon.

Hungario havas apartan oficejon por la landa asocio en la sidejo de Generaldirekcio de MÁV. Ili eldonis en Esperanto jaran statistikan kajeron de MÁV. Dek fakgrupoj funkciigas propran Esperanto-bibliotekon entute kun 3000 volumoj. En du urboj funkcias fervojistaj esperantistaj radioamatoroj.

En Japanio post trijara silento la ĉefaj funkciuloj aranĝis kunvenon. Denove aperis unupaĝa organo. La landa movado havas malfacilajn vivkondiĉojn. Ili elektis tri-membran estraron. La asocio pagis la membrokotizon al IFEF.

**11. Fina komentario.**

Pri la movado la komentario de unuopaj landaj asocioj estas tre variaj. Niaj landaj asocioj en Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danio, FR Germanio, Germana Demokrata Respubliko, Hungario, Nederlando kaj Norvegio raportis pri modeste, pli-malpli da evoluo. La landaj asocioj en Aŭstrio, Belgio, Francio kaj Italio stagnas, optimisme komentarias la landaj asocioj en Britio, Finnlando, Hispanio kaj Japanio. Nenion menciis Jugoslavio kaj Svedio.

Belgio menciis, ke la Eŭropa Komunumo (EK) enhavas dek du membrolandojn kun naŭ diversaj egalrajtaj lingvoj. Pro la multlingveco estiĝis lingvaj malfacilaĵoj, kies solvo estus la enkonduko de la Internacia Lingvo. Esperantistoj proponis enkonduki Esperanton, tiamaniere oni aŭdas pri Esperanto pli kaj pli, sed vera eksplodo de tiu ideo ne okazis ĝis nun.

La landa asocio en Svislando analizas la sialandan lingvan problemon, poste la raporto konstatas: "... en la nuntempa, ege materialisma homa socio ŝajne ni havas nur etan ŝancon! Kompreneble tamen obstine ni laboros por nia afero ankaŭ estonte!" Fine mi citas ilian alian rimarkon: "... Certe la respondoj al la demandilo estas necesaj por IFEF - -- sed krome la pripensado de la raportantoj instigas ilin mem al pluaj aktivecoj." - - - Ambaŭ rimarkoj estas konsiderindaj.

Budapest, la 28an de aprilo 1989

István Gulyás
vicprezidanto

■

**PROTOKOLO DE LA PLENKUNSIDO ESTRARO - KOMITATO EN LA 41A IFEF-kongreso en Salou (E)**

Mallongigoj:
k-o = komitato, k-ano = komitatano, ĉk = ĉefkomitatano, l.a. = landa asocio (-j), l.s. = landa sekcio (-j), k-go = kolego, Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, IF = Internacia Fervojisto, FK = Fakprelega Komisiono, TK = Terminara Komisiono; por la landaj asocioj estas uzitaj la aútomobilkodoj.

UNUA PARTO, 16.05.1989

1. Malfermo, konstato mandatoj
   Pr bonvenigas la ĉeestantojn kaj dankas pro la granda nombro de partoprenantoj.
   Ĉeestas 23 voĉdonrajtaj k-anoj.

| Lando | Komitatano |
|---|---|
| Aústrio (A) | Leopold PATEK |
| Belgio (B) | Lucien DE SUTTER |
| Britio (GB) | Alan BURGESS |
| Bulgario (BG) | Georgi LITOV |
| Ĉeĥoslovakio (CS) | Petr CHRDLE |
| Ĉinio (TJ) | - |
| Danio (DK) | Jan NIEMANN |
| Fed.Resp.Germanio (D) | Hans-Jürgen RIEHN |
| | Willi GRASS |
| | Erhard HERLITZE |
| | Gernot RITTERSPACH |
| Finnlando (SF) | Yrjö HILTUNEN |
| Francio (F) | Denise HAPPY-FOSSY |
| | Jean ROLLAND |
| Germana Dem.Respubliko (DDR) | Achim MEINEL |
| Hispanio (E) | Tomas ORTIZ |
| Hungario (H) | János PATAY |
| | Jozsef HALASZ |
| Italio (I) | Germano GIMELLI |
| Japanio (J) | - |
| Jugoslavio (YU) | Milivoje MARASEVIC |
| Nederlando (NL) | Jan Bultman |
| Norvegio (N) | Per Johan KROGSTIE |
| Pollando (PL) | Janusz FORTUNSKI |
| Svedio (S) | - |
| Svislando (CH) | Gertrud EGGENBERGER |

2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
   Sk laútlegas salutleterojn de:
   Organiza Komitato "Olimpiko de vilaĝaj sportistoj" el Sepólno (Pl);
   Honora IFEF-membro s-ino Germaine Lemonnier (F);
   Ĉina landa asocio;
   Viktoro Kudrjavcev el Sverdlovsk (SU);
   Kultura asocio de Hogar de Pensionistas Ferroviarios (Madrid - E);
   Comite General de RENFE (Madrid);
   Peter Langager, Generaldirektoro de DSB (DK) (Pr laútlegis la leteron dum la inaúguro).

3. Honorigo de la mortintoj
   La ĉeestantoj honorigas la mortintojn de la pasinta jaro, kies nomoj Pr laŭtlegas:

| | |
|---|---|
| Britio (GB) | Horace Clayton |
| Bulgario (BG) | Georgi Dolapĉiev |
| Fed.Resp.Germanio (D) | Hans Barnikel |
| | Ludwig Heintz |
| | Paul Keil |
| | Georg Landgraf |
| | Benno Passick |
| | Eduard Weichmann |
| Finnlando (SF) | Niels G.Narvala |
| Hungario (H) | Lajos Kapitany |
| | Laszlo Boronkay |
| | Gyula Madarasz |
| Italio (I) | Dino Lanzoni |
| Jugoslavio (YU) | Josip Vajylih |

4. Informoj pri gravaĵoj el le nepublika kunsido
   a) Elekto de ĉefkomitatano: Lucien De Sutter (B)
   b) Konfirmo de elekto de FK kaj TK
      FK: gvidanto = Petr Chrdle (CS)
          sekretario = Gernot Ritterspach (D)
      TK: gvidanto = Gernot Ritterspach (D)
          sekretario = Ludoviko Sekereŝ, (YU)
          redaktoro = Heinz-Dieter Hartig (D).

5. Raportoj estraraj
   5.1 Sekretario
       Unuanime akceptita (vidu IF 2/89).
   5.2 Redaktoro
       Unuanime akceptita (vidu IF 2/89).
   5.3 Kasisto, konfirmo de kasraporto
       Unuanime akceptita (vidu IF 2/89).

6. Protokolo Perpignan
   Unuanime akceptita. (Vidu IF 5/88)

7. Kongresproponoj

   Proponoj 1 kaj 2
   La proponoj rilatas la estrarelekton. L.De Sutter en sia funkcio kiel ĉk proponis la reelekton de István Gulyás (Vp) kaj E.Henning Olsen (Rd), krome d-ro Romano Bolognesi (I) kiel Sk (por Otto Rösemann, kiu demisiis).
   Unuanime akceptitaj.
   Propono 3
   Post diskuto la k-o decidas ke la honoraj membroj estonte ricevos senpagajn bultenojn, se ili volas. La estraro zorgos, ke ili ricevos.
   Propono 4
   La propono rilatas fakprelegojn. La hungara l.a. formulos novan tekston pritraktota en la venonta kongreso.

8. Estrarelekto de Vp, Sk kaj Rd
   Jen la rezulto de la elekto:

| | | Jes | Ne | Sindetenas |
|---|---|---|---|---|
| Vp | I.Gulyás | 23 | - | - |

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Sk | R.Bolognesi | 23 | - | - |
| Rd | E.H.Olsen | 22 | - | 1 |

Pr kaj la ĉeestantojn adiaŭas la ĝisnunan Sk Otto Rösemann. Sep jarojn li plenumis la multflankajn taskojn.
Otto Rösemann dankas pro la harmonia laboro en la estraro kaj estas tre ĝojiga afero, ke li forlasas la estraron sen iu ajn kverelo. Al la nova Sk li deziras sukcesan laboron.
Pr bonvenigas la novan Sk Romano Bolognesi (I), kiu pretis kandidatiĝi por la grava funkcio.
La nova Sk tre dankas pro la fido kaj promesas fari ĉion eblan por la bono de la komuna agado por Esperanto.
Pr memorigas ke li retiriĝos en Hamar. Ĉiu l.a., do, devas klopodi por trovi kaj prezenti kandidatojn por prezidanta posteno.

9. Konfirmo pri invito al 42a kongreso
Per Johan Krogstie (N) invitas al Hamar en Norvegio (2a-8a de junio 1990) kaj al la postkongresa aranĝo en Bergen.
La invito estas unuanime akceptita.

10. Raporto ĉefkomitatano
Ĉk L.De Sutter (B) raportas pri la pasinta agadperiodo. Li partoprenis en du estrarkunvenoj (Ry kaj Budapeŝto). Krome li forsendis unu cirkuleron kaj korespondis kun la estraro pri diversaj temoj. Li kandidatiĝis kiel komitatano "B" de UEA.
La raporto estas unuanime akceptita.

11. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
11.1 Terminara komisiono
Gvidanto G.Ritterspach (D) raportas pri la multjara laboro kaj precipe pri la lastaj streboj, kiuj fine alkondukis al la eldono de vere profesia terminaro, laŭ la 4a eldono de UIC. Li ankaŭ informas pri la prezo kaj mendkondiĉoj por ricevi ĝin.
La asembleo gratulas kaj dankas al li kaj al ĉiuj kunlaborantoj, vere meritplenaj, per longa kaj forta aplaŭdo.
Unuanime akceptita.
11.2 Fakprelega Komisiono
Gvidanto P.Chrdle (CS) raportas pri la agado de la FK kaj submetas al la k-o la sekvajn proponojn:
1) ĉiuj l.s. nomu unu reprezentanton por kunlaboro en FK;
2) oni ŝanĝu la nomon "Aktualaĵoj el diversaj landoj" al "Fervojaj aktualaĵoj";
3) kongrese estu 2 fakaj programeroj: Faka prelego kaj Fervojaj aktualaĵoj;
4) oni publikigu la titolojn de Fervojaj aktualaĵoj kaj ilian mallongan resumon en kongresa materialo;
5) almenaŭ unu kongresa duontaga ekskurso estu ligita al fervoja temo;
6) FK kolektu kaj fake kaj lingve altnivelajn prelegojn kaj artikolojn, kaj ĉiun duan jaron publikigu ilian liston kun la plej gravaj bibliografiaj indikoj en IF;
7) oni ŝanĝu la nomon de "Fakprelega Komisiono" al "Fake Aplika Komisiono", mallongige FAK, kio pli ĝuste esprimus la celojn de la komisiono.

La raporto kaj la proponoj estas unuanime akceptitaj kaj laŭkonvene enkondukotaj en la nova statuto.

11.3 Komisiito por skisemajnoj
Jan Niemann (DK) raportas pri la bone sukcesinta lasta 30a IFES en Mühlbach (A) kaj anoncas la venontan en norda Italio.
La raporto estas unuanime akceptita.

11.4 Koresponda Servo
Komisiito J.Demissy (F) raportas ke dum 1988 li ricevis 23 leterojn el 12 landoj. Pr dankas pro lia daŭra laboro.
Unuanime akceptita.

11.5 Komitatano "A" de UEA
I.Gulyás (H) raportas pri la bone organizita kontaktkunveno por fervojistoj, kun multaj interesaj programeroj, ĉe la 73a UK Roterdamo, en kiu partoprenis 80 homoj de 18 landoj.
Dum UK oni nomumis d-ron I.Bácskai honora membro de UEA. La asembleo aplaŭdas pri tio.
La detala raporto estas unuanime akceptita.

14. Laborplano (oni interkonsentis trakti tiun ĉi punkton anticipe)
Pr resumas la enhavon de la laborplano de IFEF (vidu IF 2/82 aŭ 3/86) substrekante ĝian gravecon por nia agado. Oni decidas aldoni la laborplanon mem en la nova statuto, post eventuala ĝisdatigo.

DUA PARTO, 17.05.1989
Ĉeestas 23 voĉdonrajtaj k-anoj.

12. Konfirmo de nova Statuto
Pr donas la parolon al Sk Romano Bolognesi (I), dankante lin pro la bone organizita, abunda kaj rapida laboro en la Statutrevizia Komisiono, precipe de li farita per lia komputilo.
Sk resume akcentas la ĉefajn ŝanĝojn kaj novaĵojn enkondukitajn, ankaŭ danke al taŭgaj sugestoj de multaj k-anoj. Ĝi vere estis teama laboro.
Temas pri diversaj precizigoj rilate al: faka agado, lingvouzo, neŭtraleco, proceduroj, taskoj kaj funkcioj, laboroj de la k-o, estraro, komisionoj, informoj en IF. Aperas novaj kategorioj: honoraj prezidantoj, landaj sekcioj, anstataŭanto de ĉk. La gvidantoj de FAK kaj TK aŭtomate iĝas kromk-anoj.
La lasta duba punkto temis esence pri la elektosistemo de la estraro, pri kiu oni faris enketon, kiu montris multnombran klaran orientiĝon. Venis 20 respondoj (80% de la tuta k-o), 13 el kiuj (65%) por trijara samtempa elekto.
Post diskuto kaj akcepto de negravaj sed oportunaj korektoj sur la lasta malneto (krom la proponoj flanke de FAK jam akceptitaj), la k-o unuanime aprobas la novan Statuton, validan ek de 01.01.1990.
Car fine necesas ordigi la transpason al la nova elektosistemo, Pr proponas al la k-o la jenajn transirajn regulojn:
1) la elekto Vp, Sk kaj Rd validu ĝis 1992 (por 3 jaroj);
2) la elekto Pr kaj Ks en Hamar validu ĝis 1992 (por 2 jaroj);
3) La elektoj de ĉk kaj komisionestroj validu ĝis 1991 (por 2 jaroj), en Hamar oni elektu anstataŭanton de ĉk ĝis 1992 (1 jaro);
4) nuntempaj delegitaj k-anoj funkciu ĝis la fino de 1990 (nuna statuto) kaj la delegotaj k-anoj por la jaroj 1991-1992.
Poste ĉio plene akordiĝos kun la novaj periodoj.
Unuanime akceptita.
Pr atentigas, ke l.a. CS kaj D devos delegi aliajn k-anojn por ansta-

taŭi la komisiongvidantojn, kiuj fariĝos kromk-anoj.

13. Resumo pri la raportoj de la landaj asocioj
Laŭ iliaj jarraportoj, Vp I.Gulyás (H) amplekse resumas tre akurate kaj detale pri la situacio kaj pri la agado de la l.a.
Unuanime akceptita.
La raporto, nepre legenda, aperos en IF.

15. Resumo pri la situacio en kelkaj landoj

| | |
|---|---|
| Estonio: | Estas bonaj kontaktoj kun fervojisto s-ro Palu. Verŝajne oni povos starigi sekcion de IFEF. |
| Rusio: | Generala malfermo esperigas por reviviĝo de agado inter fervojistoj. |
| Portugalio: | Estis esperigaj kontaktoj kun lokaj fervojistoj. |
| Japanio: | Situacio ne tro bona, sed la l.a. regule aniĝas. |
| Svedio: | Estas ne tro klara situacio kun espero de reordiĝo. |
| Rumanio: | La situacio estas tute malfavora. |

16. Budĝeto 1990 kaj kotizfiksado
Ks H.Hauge (DK) klarigas la budĝeton 1990. Li proponas ŝanĝi la vorton "Terminara fonduso" al simpla "Fonduso", sed oni decidas lasi ĝin tiel, kiel ĝis nun. Por tiu fonduso, kiel en Perpignan, oni organizas kolekton de restantaj moneroj.
Kotizon oni ne tuŝas, sed Ks anoncas la neceson de ĝia plialtigo (1991), per la valoro de unu svisa franko.
Raporto unuanime akceptita.

17. Elekto de revizoroj
La dana l.a. proponas jenajn revizorojn:
Knud Fisker
Frederik Nielsen
Svend Hvass
Robert Mikkelsen (Vicrevizoro)
Unuanime akceptitaj.

18. Rilatoj al aliaj organizoj
18.1 UEA
Pr klarigas pri la strategia plano de UEA. La estraranoj jam sinesprimis pri ĝi kaj Vp sendis konsiderojn kaj proponojn al UEA, kiu respondis.
Pr memorigas pri la venonta UK en Brighton.
Oni anoncis Vp I.Gulyás kiel komitatanon "A" de UEA. Oni proponis ĉk L.De Sutter kiel komitatanon "B" de UEA; pri tio okazos baloto en Brighton por 8 homoj el 16 kandidatoj.
K-go Ritterspach zorgis por represo de la nomoj de fervojaj fakdelegitoj en Jarlibro de UEA. Ili mankis en tiu de 1989. Li interesiĝos ankaŭ por sendi kongresraporton al UEA-organo.
18.2 FISAIC
Oni parolas pri la venonta 40a Jubileo de FISAIC, kies fondon decide oni devas danki ankaŭ al la streboj de esperantistoj, precipe francaj. Pr substrekas kaj dankas al s-ro Steppe (B) (kun lia akompananto, k-go Raimond Stenhout) pro lia tutkongresa ĉeesto, ĉar tio neniam okazis kaj tio montras la grandan intereson pri nia Esperanto-agado flanke de FISAIC. Oni jubileos en 1992 en Epernay (F) kaj por tiu evento FISAIC presigos plurlingvan informan broŝuron. La francaj k-goj esperantigos ĝin, kaj el tiu oni planas fari tradukojn precipe al orienteŭropaj lingvoj, propagande

al FISAIC. Hungaroj pretas presi tiujn tradukojn.
C.Dazzini (I) konsilas kuntreni sindikatanojn en kunvenoj, sed tio praktike ne eblas.
R.Coyac (F) informas pri deviga reprezentado de sindikatoj en la franca fervojista Esperanto-asocio. La nuna reprezentanto ne nur partoprenas en kunvenoj, sed li eĉ lernis la lingvon.

19. Venontaj kongresoj

19.1 Elekto de lando por 1991

Petr Chrdle invitas la kongreson al Brno (CS), urbo grava pro historiaj fervojaj kaj esperantistaj motivoj. Datoj definotaj.
Invito unuanime akceptita.

19.2 Diskuto pri pluraj eblecoj

Pr anoncas eblecon, nur provizore, por kongreso 1992 en FR Germanio, ĝuste okaze de FISAIC jubileo.
Por 1993 oni demandas al aústraj k-goj, kiuj priesploros la eblecojn.

20. Internaciaj skisemajnoj 1990 kaj 1991

Jan Niemann (DK) klarigas atingeblecojn, prezojn, ktp kaj varme invitas al IFES en Campo Tures / Sand in Taufers (I), 13-20.01. 1990, pri kiu precipe estas kunordiganta k-go Vitus Röder (D).
Denise Happy-Fosso (F) anoncas la eblecon organizi IFES en Les Contamines-Montjoie, proksime de Chamonix (F) por la jaro 1991.
Franz Scharf (A) atentigas por ke IFES ne tro maljuniĝu. Pr kun bedaúro memoras ke ofte mankas junuloj kaj eventuale estus bone organizi alternjare skisemajnon kaj promenadaranĝon. Ks memorigas eblecon subvencii junulan partoprenon per junulara fonduso de IFEF.

21. Eventualaĵoj

Pr anoncas intencon de rekonstruo de la unua monumento en la mondo honore al Esperanto en Frantiskovy Lazne (CS), detruita de la nazioj en 1938. Tio gravas por ni ĉar la iniciatinto de la konstruo (okazinta en 1914) estis bavara fervojisto kaj ankaú nun por rekonstruo (espereble por 1992) ekaktiviĝis ĉeĥa fervojisto. Necesas mono por tio, kies kolektado estas malfermita. Pr jam donis ekzemplon. K-go Chrdle aldonas klarigojn pri la afero.

22. Libera diskutado

C.Virumbrales (E) demandas pri konsisto de LKK.
P.J.Krogstie (N) anoncas eblecon rigardi vidbendon pri Hamar (N).
G.Ritterspach (D) klarigas pri fakprelego kaj aktualaĵoj kaj varme invitas la kongresanojn partopreni al valoraj programeroj.
P.Chrdle (CS) invitas partopreni en kunveno (Straẑnice, Brno - CS, 07-09.07.1989) okaze de la 150a datreveno de la unua ĉeĥa linio, kies temo estos apliko de Esperanto al fervojoj.
L.De Sutter (B) atentigas pri la kotizoj de IFES, por ne perdi membrojn.
H.Schindler (D) atentigas pri eraroj (mallongigoj de landnomoj) en la kongreslibro.
S.Boschin (I) petas klarigon pri neokazigo de ekumena diservo.
G.Jakobs (B) parolas pri laborplano, precipe rilate al kontaktoj kun sindikatoj.
F.Scharf (A) rekomendas la prezencon de radioamatoroj (FIRAC) en kongresoj.

Bologna, 29.6.1989

Protokolis: O.Rösemann kaj R.Bolognesi.

## NEKROLOGOJ

La 12.8.1989 mortis nia multjara membro kaj amiko Karl Simon en aĝo de 93 jaroj.

Kolego Karl Simon lernis Esperanton jam en la jaro 1928 ĉe nia iama kolego Michl Ehbauer kaj estis eble unu el la lastaj samideanoj, kiuj lernis la lingvon Esperanto, jam en la dudekaj jaroj.

Kolego Simon ankaŭ revenis al la movado fervojista kaj UEA tuj post la milito kaj servis en Munkeno kiel UEA-fakdelegito fervojista, depost la milito ĝis la jaro 1982.

IFEA-ano Dino LANZONI mortis la 23an de decembro 1988 en Bologna (Italio) en sia 85a vivojaro.

Jam de kelkaj jaroj s-ro Lanzoni suferis pro diversaj maljunaĵoj, sed antaŭe li ofte vizitis IFEF-kongresojn, kaj li multe interamikiĝis al ĉiuj, precipe al multaj francaj kolegoj.

GG

---

<u>Ĉu vi partoprenos</u>

la 42an IFK en Hamar 2.-8.junio 1990?

<u>Ĉu vi ne partoprenos</u>

la postkongreson?

<u>Ĉu vi</u> restos en Kopenhago survoje hejmen?

<u>Se jes, daŭrigu la legadon</u>:

En la klubejo de la kopenhaga fervojista klubo ni starigos "postkongresan servon" sabate 9/6 kaj dimanĉe 10/6. Tio estas i.a.

- akcepto ĉe la "nordaj" trajnoj en la ĉefstacidomo
- matenmanĝo en la klubejo
- disdono de Esperantlingvaj gvidiloj pri kelkaj vidindaĵoj de Kopenhago
- klubanoj pretas kuniri al muzeoj, Zoologia Gardeno, Tivoli k.s.
- gardo de via bagaĝo en la klubejo, ĝis vi iros pluen.

Se interesas vin resti dum unu aŭ pluraj tagoj ĉe ni, venu! Sed notu, ke hoteloj en Kopenhago estas ege multekostaj - kaj ke junio estas jam 'sezono'. Pro tio: **NEPRE** skribu al ni antaŭ 1/4 1990, se vi deziras nian helpon tiurilate.

**Memoru!! Lunde** estas kunveno en la fervojista klubo, - se vi restos tiom longe ...

DEFA Kopenhago, Jan Niemann, Edvard Munchsvej 9, DK-3000 Helsingør.

---

ENHAVO

Terminara laboro de IFEF ........ 82
42a IFK ........................ 83
Resumo jarraporto .............. 85
Protokolo de 41a IFK ............ 90
Nekrologoj ..................... 96

---

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en januaro, estas 10.12.1989.

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved.